6a JARO. FEBRUARO 1914. 4a N° (64)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto : | Administracia parto : |
|---|---|
| OSCAR VAN SCHOOR | FRANS SCHOOFS |

*Oni sendu ĉion, kio rilatas ĉu la Redakcion, ĉu la Administracion, al la adreso : Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## BELGA KRONIKO

Iuj esperantistoj imagas, ke la tasko de la prezidanto de l' *Belga Ligo Esperantista* konsistas nur el la prezido de la ĝeneralaj kaj de la komitataj kunsidoj de tiu asocio, entute tri aŭ kvar ĉiujare, kaj la subskribado de kelkaj dokumentoj. Tiuj, kiuj pensas tion, ne konas nian karan amikon WITTERYCK kaj tute ignoras lian senĉesan poresperantan agadon. Li estas la konsilanto de preskaŭ ĉiuj grupaj estraroj ; li organizas esperantistajn festojn kaj faras paroladojn ; kiam samideano petas de li temporaban servon, li neniam rifuzas, li neniam parolas pri siaj tamen tre pezaj privataj okupadoj.

Kaj dum la lastaj monatoj li prenis ankoraŭ sur sin novan ŝarĝon : li redaktas — kun la helpo de F-ino POSENAER kaj de S-ro DELVAUX — kaj dissendigas la komunikaĵojn al la gazetaro.

Jen lia agmaniero, kiun kompreneble la Liga estraro unuvoĉe aprobis :

Al la redakcioj de l' ĉiutagaj ĵurnaloj kaj de diversaj revuoj, li sendas de temp' al tempo folion, kiu enhavas :

1e la nomojn de l' honoraj komitatanoj de la *Belga Ligo Esperantista* ;

2e la sekvantan leteron, franclingvan aŭ flandran, laŭ la lingvo de l' gazeto :

ESTIMATA SINJORO DIREKTORO,

Ni permesas al ni komuniki al vi ĉi sube kelkajn *Malgrandajn Novaĵojn* pri la mondlingvo Esperanto, petante, ke vi bonvolu publikigi ilin en via estimata ĵurnalo.

Ni decidis organizi esperantistan ekspozicion kaj rezervi en ĝi sekcion por la gazetoj, kiuj subtenas niajn klopodojn ; tial estus al ni tre agrable ricevi almenaŭ unu numeron de via ĵurnalo, kiu enhavos artikoleton favoran al nia movado.

Se vi jam sendis tian numeron al ni — ni ricevis da ili de multaj gazetoj — ni kore dankas vin.

Akceptu, estimata Sinjoro Direktoro, kun nia antaŭdanko, la certigon de niaj respektaj sentoj.

A. J. WITTERYCK,
Prezidanto de l' *Belga Ligo Esperantista*,
Steenbrugge.

3e kelkajn tre mallongajn novaĵetojn, pretajn por esti presataj en la ĵurnalo, kaj interesaj ne nur por esperantistoj sed precipe por la neesperantista publiko.

Paroli pri la nova iniciato de S-ro WITTERYCK estas ĝin laŭdi. Jam multaj ĵurnaloj presigis liajn artikoletojn ; espereble la nombro de tiuj gazetoj ĉiam kreskos, por la bono de nia kara Esperanto ! D-ro W. VAN DER BIEST.

**ANTWERPEN.** — La 17an de Januaro la *Antwerpena Grupo Esperantista* havis sian ĉiujaran ĝeneralan kunvenon. Post legado de la tre interesaj raportoj de la sekretario, S-ro CHAMPY, kuj de la kasisto, S-ro RITSCHIE (kiu pruvis, ke dum la pasinta jaro la grupo *pli ritschie-ĝis*), S-ro D-ro VAN DER BIEST, en la nomo de ĉiuj grupanoj, dankis la sindonajn geprofesorojn, F-inon POSENAER, S-rojn VAN SCHOOR kaj CHAMPY. S-ro VAN SCHOOR per kelkaj trafaj vortoj respondis, kaj anoncis, ke li faros novan, perfektigan kurson, kiun li klopodos igi ne nur instrua, sed samtempe amuza. Poste okazis muzika kaj deklama parto, dum kiu oni aklamis F-inon VERMEULEN, kiun oni kun granda ĝojo revidis — kaj reaŭdis —, kaj S-ron VAN SCHOOR. Oni disiĝis je la sonoj de *L'Espero*. JAN.

— Dum la lastaj semajnoj nia amiko VERMANDEL publikigis poresperantajn artikolojn en diversaj revuoj kaj ĵurnaloj, interalie en *La Presse, Courrier du Soir, Gazet van Antwerpen, De Nieuwe Gazet, Het Handelsblad, Gazet van Mechelen, De Borgerhoutenaar, Concordia*, k. t. p. JAN.

**BORGERHOUT.** — La 8an de Januaro okazis la jara ĝenerala kunveno de tiu vigla grupo. Post legado kaj aprobo de la raporto kaj de la financa stato oni reelektis la komitaton jene : S-ron A. VERMANDEL, prezidanto ; F-inon M. POSENAER, vicprezidantino, S-ron R. VAN MEERBEECK, sekretario ; S-ron F. VERWILLIGEN, kasisto. Oni decidis kunveni ĉiuĵaŭde en la sidejo de la grupo *In den Passer*, Turnhoutschebaan, 36. Diversajn komunikaĵojn faris la prezidanto, kiu ankaŭ incitis la ĉeestantojn aliĝi al la Xa Kongreso. A. V.

**BRUSSEL.** — La *Brusela Socialista Grupo* (1) elektis sian estraron jene : S-ron R. DE LEENER, ĝenerala sekretario; F-inon J. BARÉ, helpa sekretariino ; S-ron S. GERARDO, kasisto. La kunvenoj tre regule okazas je la 7a vespere, 23, Boulevard du Hainaut. La programo pri propagando de 1914 enhavas la aliĝon al la *Centrale d'Education*, organizon de diversaj paroladoj kaj de festoj. Famkonataj paroladistoj promesis sian helpon. KAMARADO.

**EDEGEM.** — La 15an de Januaro, en la *Edegemsche Studiekring*, S-ro VAN SCHOOR faris paroladon pri Esperanto. Tre klere kaj lerte li montris al la ĉeestantaro la necesecon de la internacia lingvo, ĝiajn servojn kaj ĝian facilecon. La ĉeestantaro kun granda atento kaj intereso aŭskultis tiun paroladon kaj varme aplaŭdis la oratoron. A. V.

**GENT.** — La bulteno de la *Esperanto-Grupo de Gent*, kiu antaŭe havis la formaton de revuo, nun multe plibeliĝis kaj aperas kiel ĵurnalo, sub la titolo *Gento-Esperanto*. Mi ĉerpas el ĝi la jenajn novaĵojn :

La kursoj brile sukcesas, ne nur en la urbo mem, sed ankaŭ en la suburboj Gendbrugge, kie S-ro VAERENDONCK instruas 30 lernantojn, kaj Ledeberg, kie F-ino COLYN devis peti la helpon de F-ino SPRANGERS por porti la bonan parolon al 70 interesiĝantoj.

(1) En antaŭa numero oni erare presigis *Socia*.

Dum la nuna vintro la Gentanoj ludos la opereton *La N ro66*, de OFFENBACH. Jen nun malĝojiga novajo : S ro MAERTENS, la amata honora prezidanto de la Grupo, devis eksiĝi pro sia malbona farto. *Gento Esperanto* publikigas pri tiu okazintajo artikolon subskribitan M. S(EBRUYNS), kiu esprimas la bedaŭron de la Gentanoj pro tiu eksiĝo kaj pro ĝia kaŭzo; samtempe la aŭtoro rememorigas la grandajn servojn faritajn de S-ro MAERTENS al la esperantista movado. Ĉiuj belgaj samideanoj sendube deziras baldaŭan kaj kompletan resaniĝon al la Nestoro de la Gentaj esperantistoj. D-ro W. V. D. B.

**MECHELEN.** — Vigle la ĉi tieaj esperantistoj, helpataj de Antverpenaj samideanoj, komencis la organizadon de la Belga Kongreso. Inter la festoj oni anoncas sonorilarkoncerton de l' fama artisto S-ro DENYN kaj teatran vesperon, dum kiu talentplena kaj simpatiinda aktoro, ano de l' *Antverpena Grupo*, kun du konataj esperantistaj geamatoroj, ludos la ĉarman teatrajon de SABBE, *Bietje*, tradukitan de D-ro W. VAN DER BIEST. LODEWIJK.

---

# EKSTERLANDA KRONIKO

**ANGLUJO.** — Same kiel la Holandaj propagandistoj en Den Haag, la grupo en Barrow anoncigis per filmoj en du kinematografejoj la malfermon de nova kurso.

**AŬSTRALIO.** — En paroladeto, kiun faris la urbestro de Melbourne al la infanoj de Esperanta kurso, tiu eminenta magistrato donis la jenajn konsilojn : « Uzu Esperanton por korespondi kun aliaj popoloj, fariĝu kiel eble plej grandanimaj, kaj sciu, ke en aliaj landoj ekzistas popoloj kiuj ne estas malpli bonaj kaj grandanimaj ol vi mem. »

**AŬSTRIO.** — La urbestraro de Franzensbad alprenis la jenajn decidojn :

1.) La urbestraro senpage disponigas al la loka kongreskomitato belan, konvenan placon en sia parko por la starigo de Esperanto monumento.

2.) Post la finita starigo kaj post la inaŭguro, la urbestraro akceptos la monumenton kiel propran posedajon kaj tiel zorgos por la ornamo de la monumentoj, kiel ĝi zorgas por siaj propraj monumentoj.

3.) La urbestraro prenas sur sin ĉiujn antaŭlaborojn, kiujn la starigo de tiu ĉi monumento postulos.

4.) La urbestraro devigas sin, pagi 2.000 kronojn por la starigo de la Esperanto monumento.

La esperantistoj estas petataj mone helpi la komitaton. Inter la unuaj subtenantoj estas Princino HELENE KOPASSIS, vidvino de l'princo de Samos.

**GERMANUJO.** — Vigla propagando estas nuntempe farata en München. Niaj tieaj samideanoj ricevis kuraĝigajojn de la nova Reĝo de Bavarujo. Kelkaj komercaj lernejoj enkondukis jam Esperanton en sian programon.

**HAWAIAJ INSULOJ.** — Eĉ en la insuloj de la Pacifika Oceano oni baldaŭ ne trovos plu lokon, kiu ne posedas sian Esperantan organismon. Samideanoj en Honolulu fondis propagandsocieton nomatan *Manna Ala Esperantista Scieto.*

**HUNGARUJO.** — S-ro D-ro GIESSWEIN, deputato, interpelaciis, en la Hungara Parlamento, la ministron de internaj aferoj, pri la afero de Székesféhervàr (policestro, kiu malpermesis Esperantan kunvenon, ĉar « Esperanto estas lingvo de ŝtelistoj »). Li diris interalie, ke la paroloj de la policestro estas ofendo al la Reĝo de Hispanujo, kiu estis la alia protektanto de la Barcelona Kongreso kaj kiu eĉ ordenigis la aŭtoron de Esperanto. Anstataŭ kontraŭstari la poresperantan propagandon, la publikaj estraroj devus eĉ helpi tiajn klopodojn. La interpelacio donis tuj tre kontentigan rezulton : kvar eminentaj deputatoj aliĝis al la Hungarlanda Esperanta Societo.

**JAPANUJO**. — La grava revuo *Journal of the Meteorological Society of Japan* donos de nun Esperantan tradukon de l' titoloj de siaj artikoloj.
— Post paroladoj de S-roj D roj NAKAMURA kaj KROITA grupoj kaj kursoj de Esperanto estas fonditaj en Konakra, Kamakura kaj Yokoska.
— Princo Tokugan de kelka tempo jam lernas Esperanton.

**PERUO**. — La Scienca Fakultato de la Universitato de Lima, dezirante atesti la grandajn profitojn, kiujn Esperanto alportis al la sciencoj, elektis D-ron ZAMENHOF kiel honoran membron.

**RUSUJO**. — S-ro TASOVSKIJ fondos baldaŭ esperantistan societon en Sebastopol. La sukceso, kiu rekompencas tie la klopodojn de nia agema kunbatalanto, estas grandparte ŝuldata al propagando farata per la aŭtomobilo *Esperanto*, kiun S-ro ARAKELOV metis je lia dispono.
— De nun Esperantaj libroj estas haveblaj en ĉiuj librejoj de Lugansk. Vigla propagando estas farata en tiu urbo per verdaj folietoj gluitaj sur stratkolonoj kaj muroj.

**SVISUJO**. — Dum parolado, kiun li faris en Basel pri *La Lingvo Internacia teorie kaj praktike*, S-ro WENK, eks-idisto, sciigis publike la kaŭzojn de sia reveno al Esperanto.

INTERIM.

---

# Titolaro de la verkoj en kaj pri Esperanto aperintaj en Belgujo

(*Fino.*)

## D. Kongreslibroj.

LA SEPO POR LA SEPA.—*Kongreslibro de la Sepa Universala Kongreso de Esperanto*. 1911. 200 paĝoj, 20 1/2 × 13 1/2 cm. Prezo : fr. 3.75. Eld. « De Vlijt », Antwerpen.

FEDERACIO SPIRITISTA BELGA. — *Raporto pri la subkongreso de Esperantista Psikistaro*. 1911. 31 paĝoj, 21 1/2 × 13 1/2 cm. Ne aĉetebla.

C. BOURLET. — *Les réponses des associations espérantistes à l'enquête sur la terminologie, la nomenclature et l'emploi des langues*. 1913. 7 paĝoj, 24 × 16 cm. Eld. « Congrès mondial des Associations Internationales », actes du congrès, documents préliminaires n° 64.

INTERNACIA ESPERANTISTA SEMAJNO-KONGRESO. — *Kongreslibreto*. 1913. 24 paĝoj, 16 1/2 × 10 1/2 cm. Ne aĉetebla. Eld. la Organiza Komitato.

## E. Diversaj publikaĵoj.

CLÉ. — Vido ISIDORO (Frato).

ISIDORE (Frato I. CLÉ). — *Legolibro* (ĉerpita el « La Belga Sonorilo » ), presita per literoj Braille. 1904. 48 paĝoj, 16 × 24 cm. Prezo : fr. 1.30. Eld. « Koninklijk Blinden- en Doofstommengesticht », Woluwe-Brussel.

— *Trilingvaj katekismaj legaĵoj* (flandre, france kaj Esperante), presita per literoj Braille. 1912. 48 paĝoj, 16 × 24 cm. Prezo : fr. 1.30. Eld. « Koninklijk Blinden- en Doofstommengesticht », Woluwe-Brussel.

— *Preĝolibro por blinduloj*, presita per literoj Braille. 1905. 80 paĝoj,16 × 24 cm. Prezo : fr. 2.00. Eld. « Koninklijk Blinden- en Doofstommengesticht », Woluwe-Brussel.

Belga Ligo Esperantista. — *Regularo* (france, flandre, kaj Esperante) 13 paĝoj,18 × 11 1/2 cm.

Belga Spiritista Federacio. — *Esperanta Psikistaro*, unua eldono. 1910. 80 paĝoj.21 × 13 1/2 cm. Eld. Buerbaum-Van der Goten, Antwerpen.

— *Esperanto Psikistaro*, dua eldono.1911.80 paĝoj,20 1/2×13 cm. Eld. Jules De Winter, Antwerpen.

Centra Esperantista Belga Oficejo. — *Belga adresaro esperantista*. 1910. 160 paĝoj, 13 1/2 × 10 1/2 cm. Prezo : fr. 0.50. Eld. « Centra Esperantista Belga Oficejo », Antwerpen.

Garzon y Ruiz (Jozefo).— *Kritika ekzameno de la proceso kontraŭ Kristo*. 22 paĝoj, 19 1/2 × 13 cm. Eld. Leo Heidendal, Arendonck

Internacia Muzeo. — *Notoj kaj resuma katalogo pri la Internacia Muzeo de lingvo Esperanto*. 1910. 26 paĝoj, 24 1/2×15 1/2 cm. Eld Gauthier-Villars, Paris.

Kivo. — *Preĝo por la Sankta Komunio*. 1913. 2 paĝoj, 12 1/2 ×8 1/2 cm. Eld. « Belga Katoliko ».

Ramo. — *Milito aŭ Paco?* 1913. 1 paĝo, 25×16 1/2 cm. Eld. « Belga Katoliko ».

Stas (A.).— *Resumo de la Kurso pri Teologio de Le Clément de St. Marcq*. 32 paĝoj, 17×11 cm. Prezo : fr. 0.30. Eld. « Esperanta Psikistaro ».

Vermandel (Arth.). — *Demandfolio pri Esperanta Movado*.

Woluwa Blindulgrupo Esperantista. — *Regularo*, presita per literoj Braille. 10 paĝoj, 16×24 cm. Prezo : fr. ... Eld. « Koninklijk Blinden- en Doofstommengesticht », Woluwe-Brussel.

— *Kalendaro*, presita per literoj Braille.1911. 6 paĝoj, 16×24 cm. Prezo : fr. ... Eld. « Koninklijk Blinden- en Doofstommengesticht », Woluwe-Brussel.

## F. Kantoj.

Arnzt (H.). — *Ni restu fidelaj !*
Behrendt (Arm.). — *Trinkemula kanto.*
Grabowski (A.). — *La Flandra Leono.*
Swagers (Fr.). — *Rerigardo al la studenta tempo.*
» *Samideana Trinkkanto.*
» *Maja Kanto.*
» *Vivu Zamenhof !*
» *Li vivu !*
» *Rozeto en ventego.*
» *La gaja Studento.*
» *Esperantisto Paro.*

Eld. « Belga Esperantisto », Antwerpen.

VAN SCHOOR (OSC.). — *Antaŭen Esperantistoj!*
» *La Fiŝkaptisto.*
» *Printempa Kanto.*
» *Nia Patrolando.*
» *Ŝuo Flik'.*
UNTERMAN (R.). — *El «Quinten Matsijs».*
ZAMENHOF (L. L.). — *La Espero*, muziko de DE MÉNIL.
ZAMENHOF (L. L.). — *La Espero*. muziko de O. VAN SCHOOR.

(Eld. « Belga Esperantisto », Antwerpen.)

— *Esperanta Kantaro N° I*, 6 kantoj kun muziko. 1910. 21 1/2×13 cm. Prezo : fr. 0.50. Eld. «Belga Esperantisto», Antwerpen.

— *Esperanta Kantaro N° II*, 5 kantoj kun muziko. 1911. 23 1/2×15 1/2 cm Prezo : fr. 0.30. Eld. «Belga Esperantisto», Antwerpen.

SWAGERS (FRANS). — *La gaja Kantaro*. 1910. 20 paĝoj, 13 1/2×10 1/2 cm. Prezo : fr. 0.20. Eld. «Centra Esperantista Belga Oficejo», Antwerpen.

— *Kantikaro*. Esperanta ekstrakto el kantaro diverslingva. 16×24 cm.

— *Katolika kantikareto*. 1909. 16 paĝoj. Prezo : fr. 0.30. Eld. « Katolika Oficejo Esperantista », Paris.

ISIDORE (Frato I. CLÉ). — *Ni volas Dion...!* (sur poŝtkarto), muziko de F. MOREAU.

— *Ave Maria!* (sur poŝtkarto), muziko de F. MOREAU.

— *Kantaro* kun francaj, flandraj, anglaj kaj Esperantaj kantoj, presita per literoj Braille. 1912. 56 paĝoj, 16×24 cm. Prezo : fr. 1.50.

— *Kantikareto por blinduloj*, presita per literoj Braille. 16×24 cm.

MENALDA (H.). — *Saluto al Belgujo*. 30×23 1/2 cm. Prezo : fr. 1.00.

ZAMENHOF (D-ro L. L.). — *La Espero*, muziko de O. VAN SCHOOR. 35×27 cm. Prezo : fr. 0.50. Eld. « Antverpena Grupo Esperantista », Antwerpen.

— *La Espero*, muziko de A. J. WITTERYCK. Prezo : fr. 1.00. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

SEYNAEVE. — *Sekreta vivo*, muziko de A. J. WITTERYCK. Prezo : fr. 1.00. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

— *Kion vi diras?* muziko de A. J. WITTERYCK. Prezo : fr. 1.00. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

— *Apud la lulilo*, muziko de A. J. WITTERYCK. Prezo : fr. 1.00. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

— *La Ventoj*, muziko de A. J. WITTERYCK. Prezo : fr. 1.00. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

VAN MELCKEBEKE (D-ro R.) — *Sankta Nikolao*, muziko de A. J. WITTERYCK. Prezo : fr. 1.00. Eld A. J. Witteryck, Brugge.

— *Lula Kanteto* (Wiegelied), muziko de E. KEURVELS. Prezo : fr. 1.00. Eld. « Vlaamsche Muziekhandel », Antwerpen.

WITTERYCK (A. J.). — *Antaŭen, Bruganoj !* muziko de A. J. WITTERYCK. Prezo : fr. 1.00. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

## G. Gvidlibroj kaj -folioj.

ANTWERPEN. — *Antverpeno kaj la 7a Universala Kongreso de Esperanto.* 1910. 32 paĝoj, 16 1/2×12 cm. Prezo : fr. 0.25. Eld. « Anvers-Réclame » kaj « La Sepo por la Sepa ».

— *Antverpeno.* 1911. 22 paĝoj, 17 1/2×12 1/2 cm. Prezo : fr. 0.25. Eld. Urba Informoficejo.

BRUGGE. — *Gvidlibreto por Turistoj* (de E. VAN WEYENBERGH). 1910. 32 paĝoj : 20 × 10 1/2 cm. Prezo : fr. 0.50. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

BRUSSEL. — *Gvidfolio.* 1910. Monoformato. Eld. Esperantista grupo, sub la patronado de U. E. A.

MECHELEN. — *Gvidfolio* (flandre, france, germane, angle, Esperante). Eld. « Mechelen-Aantrekkelijkheden ».

SPA. — *Gvidfolio.* 1912. 4 paĝoj, monoformato. Eld. Societo « Esperanto ».

## H. Revuoj kaj Ĵurnaloj.

*1902.* LA BELGA SONORILO, ĉiumonata esperantista gazeto. Ĝi fariĝis de post Aŭgusto 1908 Idista revuo. 22 1/2×29 cm. Abonprezo : fr. 2.50.

*1908.* BELGA ESPERANTISTO, monata revuo, oficiala organo de la *Belga Ligo Esperantista.* 16 × 24 cm. Abonprezo : fr. 4.00, eksterlande fr. 5.00. Redakcio : Vondelstraat, 20, Antwerpen.

*1908.* BULTENO DE LIBERA PENSO (*La Vojo*). 22 1/2 × 29 cm. Abonprezo : fr. 2.50.

*1913.* INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO.

*1910.* REVUO DE LA KONGRESOJ, oficiala organo de la Grupo 22a de la Int. Ekspozicio de Brussel en 1910. Aperis de la 15a de Aprilo 1910 ĝis la 21a de Septembro 1910 (11 numeroj) 21 × 29 1/2 cm. Abonprezo : fr. 12.50. Eld. « Office Central des Institutions Internationales », Brussel.

*1911.* BELGA KATOLIKO, oficiala bulteno de B. K. L. E. 18 × 26 1/2 cm. Abonprezo : fr. 1.00. Redakcio : Leo Heidendal, Arendonck.

*1911.* BULLETIN MENSUEL DES COMMUNIQUÉS A LA PRESSE, MAANDELIJKSCH BULLETIJN DER MEDEDEELINGEN AAN DE DRUKPERS. Aperis dum Februaro, Marto, Aprilo, Majo, Junio kaj Aŭgusto 1911. 22 × 28 1/2 cm. Eld. « Belga Ligo Esperantista ».

*1911.* KONGRESA GAZETO DE LA SEPA INT. KONGRESO DE ESPERANTO. Aperis de la 19a ĝis la 26a de Aŭgusto 1911 (6 numeroj). 23 × 30 1/2 cm. Prezo : fr. 1.00. Eldonis « La Sepo por la Sepa », Antwerpen.

*1913.* ESPERANTISTA PSIKISTARO.
*1913.* L' ESPERANTO, monata bulteno de la Genta Esperanto Grupo. Abonprezo : fr. 1.00. Redakcio : Gentschestraat, 34, St-Amandsberg (Gent).
*1913.* LA BULTENO, organo de la Centra Komerca Oficejo 36 1/×55 cm. Abonprezo : fr. 1.00. Redakcio : rue des Bouchers, 13, Charleroi.
*1913.* PETITES NOUVELLES, KLEINE BERICHTEN. 22 1/2 × 28 1/2 cm. Ne vendebla. Eld. « Belga Ligo Esperantista ».
*1914.* GENTO-ESPERANTO.

*Ĵurnaloj, kiuj enhavas regule artikolojn en Esperanto :*

DE LUSTHOF, nuttig en vermakelijk maandschrift. 22 1/2×28 cm. Abonprezo : fr. 0.00. – Redakcio : Groote Laan, 76-78, Steenbrugge.

CONCORDIA, weekblad van het Syndikaat van Handel en Nijverheid. 37×55 cm. Abonprezo : fr. 6.00.

A. VERMANDEL.

# AHASVERO

Estis je fino de la tago, je tiu horo, kiam batalas la ombroj kun la sunradioj en la valo, kaj la vesperaj nebuloj fluetis super la akvoj de l'Adiĝo ; mi estis enirinta en malgrandan kapelon,kiu invitas la migranton apud la Verona vojo al kvieta restado.

Verdnuanca krepusko plenigis la simplan lokon, kaj en la fundo, kontraŭ la pordo, brulis semmove kaj solene kandelo. Je mia eniro ĝi subite ekflagris, ĵetante sian tremetantan lumon sur la griziĝintan verton de maljunulo, kiu, surgenuiĝinte sur la preĝeja seĝo, kovris sian vizaĝon per la manoj. Kelkafoje febra tremo trakuris lian kadukan korpon ; nekomprenebla murmuro de liaj lipoj fariĝis pasa dolorĝemado kaj liaj velkintaj fingroj spasme kuntiriĝis kvazaŭ ĉe la plej profunda animturmento.

Kiu li estas ? Ĉu homo elportanta gravegan suferon, ĉu vivlaculo, ĉe kiu premo de kulpo fleksis la kapon ? Ĉu la muroj flustris la plendantan : « Mea culpa, mea maxima culpa ! » aŭ ĉu audiĝis la estingiĝanta sono el lia buŝo ?

Ŝajnis al mi, kvazaŭ alportus mia ĉeesto fremdan,teran spiron en la fumantan kandelnubeton, kvazaŭ mi devus sensone ŝtelforiri kaj lasi sola la preĝanton.Sed returniĝinte al la pordo,mi ekvidis bildon de Kristo, pendantan sur la kalkita muro en kadro malheliĝinta pro antikveco. Tra la koloraj vitraĵoj ankoraŭ fojon plene falis lasta brilo de la estingiĝanta taglumo sur la dolorajn trajtojn de la Suferanto de Golgoto. Io sur tiu ĉi bildo fikse altiris mian atenton kaj ne lasis min plu libera ; eble tio estis kaŭzita de la juneca vizaĝo, kiu tute diferencis de la tradicia modelo, sed eble ankaŭ de la enigme malhelaj okuloj, el kiuj parolis tiom da kortuŝa akuzo, kaj kiajn mi antaŭe neniam rimarkis sur bildo de la krucumito.

Kiam mi emociita haltis, enpensiĝinta en muta admiro, timigis min en mia meditado trena brueta paŝado sur la mozaika planko, kaj, kiam mi instinkte turnis la kapon, staris la fremda preĝanto apud mi ; la palverda duonlumo ŝajnigis liajn senenergiajn trajtojn ankoraŭ pli ĉagrenitaj, pli mizeraj ; en senordaj tufoj falis la griziĝintaj haroj sur la altan, sulkigitan frunton, kaj el liaj profundaj okulkavoj flamis sentrankvila fajro

Esplore glitis miaj rigardoj sur la kurbiĝinta staturo de la maljunulo, sur lia disŝirita mantelo, la polvokovritaj sandaloj kaj sur la ostecaj manoj, kiuj tenis longan pilgrimbastonon.

« Pro kompatemo de la Sankta Virgulino, ne rifuzu al sortobatita senhejmulo malgrandan almozon, » li petigis per estingiĝanta voĉo kaj etendis petege la dekstran manon.

Seniluziigita mi elprenis moneron el la monujo kaj donis ĝin al li ; ĉar iu interna voĉo volis kredigi min, ke li estas io alia, eble pli bona, ol ano de tiu almozularo, kiu elpetas almozojn apud la sojloj de la Veronaj marmorpreĝejoj. Tamen liaj vortoj interesis min kaj tial mi demandis :

— « Kio igas vin, maljunulo, senripoze migri ? kia estas via sorto, ke vi ne povas fini trankvile la vesperon de via vivo en rondo de feliĉaj infanoj ? »

Dolora, maldolĉa rido vidiĝis sur liaj mallarĝaj lipoj, kaj lia mano montris al la Krucumito.

— « Fremdulo, mi fordiboĉis mian parton de ĝojoj sur tiu ĉi mondo, kaj malmulte valoras, paroli pri mi ; sed mi bone rimarkis, kiom fikse altiris vian atenton tiu bildo. Jam multaj personoj staris antaŭ tiu ĉi bildo kaj demandis pri la majstro, kiu ĝin kreis ; sed lia nomo estas malaperinta kaj forgesita, kaj bone estas tiel !»

La maljunulo dum kelkaj minutoj rigardis mediteme la bildon, antaŭ ol li daŭrigis per sentona voĉo :

— «Mi volas rakonti al vi la historion de la majstro; ĉar nur mi ĝin komas, ĉar... nu, supozu,ĉar mi estis lia bona amiko Aŭskultu !

Antaŭ multaj jardekoj mi konis iun viron,tie supre en Verono. De malproksime, el la Brentavalo,li devenis,kaj tie li pasigis sian senĝojan junaĝon en malriĉeco. Lia arda deziro estis fariĝi iam granda pentristo, kaj tial kiel junulo li iris kun malpeza koro kaj ankoraŭ pli malpeza monujo al Verono, al la urbo de noblaj artoj. Tie sin malkaŝis al li unue la sanktaj misteroj de la arto, tie per avidaj glutkvantoj li sorbis el la eterna fonto la veran entuziasmon por sia profesio kaj la ekkonon de la belo.

Nelacigeble li laboris, ĉar li volis fariĝi majstro, kiu submetos mondon. Lia nomo baldaŭ havis bonan reputacion malproksime trans la limoj de Verono, kaj kvankam li ĝuis gloron kaj honorigojn, li tamen restis modesta en sia koro, ĉar li amis la arton pro ĝi mem.

Sed iun tagon aperis la amo en la vivo de tiu viro. Dum la degelo li savis florantan, junan knabinon el la ondoj de l'Adiĝo ; kiam li tenis la gracian knabinan korpon en siaj brakoj, subite li

eksentis, kiel soleca estas lia vivo, sen alridoj de amata virino. Kaj la viro forgesis, ke li staras jam sur la sojlo de maljuneco ; li alkatenis la florantan homan burĝonon al si ; li opiniis, ke ŝi fariĝos lia feliĉo ... kaj ŝi fariĝis la kaŭzo de lia ruiniĝo. »

La maljunulo ektremis iomete, sed poste kuntiriĝis liaj brovoj, kaj lia voĉo fariĝis krudsona.

— « Mi diru mallonge ; ŝi fariĝis lia edzino kaj la viro amis ŝin per ĉiu fibro de sia koro. Lia dormetanta amo estis vekiĝinta, fortega, kunsumanta, kvazaŭ brulo detruanta ĉion, kio sin metis sur ĝian vojon. Pro la amatino li estus riskinta la plej altan danĝeron, pro ŝi li estus fariĝinta mizera kaj kulpa.

Ĉu lia edzino lin same amis ? Li ne sciis tion, sed poste li devis ekscii, ke ŝi pro lia riĉeco, pro lia gloro, alkatenis sian vivon al la lia, kaj la malfideleco estis en ŝia koro. Tiutempe la majstro pentris bildon de Kristo, kaj Luigi Grumello, juna Veronano, staris antaŭ li kiel modelo. Jam trifoje la majstro finpentris la bildon kaj trifoje li ĝin forĵetis, ĉar ĉiam ankoraŭ li ne sukcesis pentri la okulojn de la Savinto tiel plenaj de doloro, de kortuŝa akuzo, kiel li ilin vidis en la animo. Tiu bildo estis destinita fariĝi lia ĉefverko ; li volis prezenti la plejalton de tio, kion kapablis lia peniko, la plej emocian verkon, kion pentrista mano iam kreis.

Kaj la ambicio konsumadis lian koron kaj malheligis lian rigardon tiom, ke li ne vidis, kiel la malfideleco transpasadis la sojlon de lia domo kaj kiel ĉe la tablo de lia amo senhonte sidis fremdulo gaste. » (*Daŭrigota.*)

*Tradukis* KAMILLA FÜRTH. W. GRANVILLE-SCHMIDT.

---

## Diversaj Informoj

**Gratuloj.** — Tutkore ni gratulas nian samideanon LÉON SCHUMACHER el Antwerpen, kiu fianĉiĝis kun F-ino WILHELMINA LOOMANS.

**Komunikaĵo de S-ro Ellersiek** ( *Wissmannstr.,46, Berlin S.*).—Por aperigo en germanaj gazetoj ilustritaj mi serĉas bildojn el la tuta mondo, ekz. de gravaj okazintaĵoj, interesaj konstruaĵoj, rimarkindaj objektoj kaj belaĵoj de la naturo k.t.p., kun klariga teksto de proksimume 100 vortoj en Esperanto. Por ĉiu akceptita bildo (prefere fotografaĵoj 9×12 aŭ 10×15 cm.) mi pagos, laŭ uzebleco kaj intereseco 1/2 — 2 Sm. La fotografaĵoj kun teksto estas sendeblaj kiel « presaĵo ». La netaŭgajn bildojn mi senprokraste resendos.

**Komunikaĵo de S-ro Jules Borel** (*Berlin S. W., Lindenstrasse, 18-19*). — Antaŭ kelkaj monatoj iu esperantisto vizitis samideanojn en belgaj urboj (Antwerpen, Brussel, k. t. p.) kaj prunte petis monon de ili, pretekstante, ke li estas mia kuzo aŭ filo, kaj ke li estas en momenta embaraso pro iukaŭza manko de mono. Li certe promesis, eble per mia helpo, baldaŭ repagi la monon. Laŭ informoj, kiujn mi pere de la delegito de U. E. A. en Antwerpen ricevis de kelkaj belgaj samideanoj, la dirita sinjoro efektive preskaŭ en ĉiu okazo sukcesis havigi al si pli-malpli grandajn sumojn, sed ne redonis ilin.

Mi devas publike protesti kontraŭ la faro de tiu sinjoro, kiu evidente estas trompisto kaj verŝajne identa kun tiu Bickel el Bern, pri kiu oni jam avertis en *Germana Esperantisto* (n-rojn 9-10, A kaj B).

Miguel ZAMACOÏS.

# LA AMUZISTOJ

(LES BOUFFONS)

## Kvarakta teatraĵo en versoj

TRADUKITA DE

D-ro W. VAN DER BIEST

### Tria Akto.

*La scenejo prezentas kovritan terason de la kastelo de Mautpré, inter du pli altaj konstruaĵoj. Dekstre estas pavilono kun beleta renesanca pordo; maldekstre estas la enirejo de fortikturo. En la fundo, la teraso estas limigita de dentforma apogmureto, kiu borderas dekstre kaj maldekstre patrolvojeton. La plafono de l'teraso apogas sur pentrinda malnova gotika arkaĵo, kiu estas pli malpli bone subtenata de ligna trabo, kaj kiun kovras admirinda glicinio kun florantaj branĉetoj. Floroj plantitaj en maldelikataj kestoj jen kaj jen brile kaj gajige ornamas la grizajn kaj muskokovritajn ŝtonojn. En la fundo, trans la mureto, oni ĝis plej malproksime vidas ĉarman kamparon. Estas vespero de varma somertago. La suno estas jam malalte ĉe la horizonto. Ĝi subiĝos dum la fino de l'akto; tiam la krepuska ĉielo estos striita de lasta rozkolora lumeto. Dekstre, malnova beleta duonronda ŝtona benko laŭ renesanca stilo. Ligna benko kaj kelkaj ŝtonblokoj, sur kiuj sidiĝos la servistoj kaj la amuzistoj. — Je la levo de l'kurteno, Jakobo, Juliano kaj Petro, vestitaj kiel gvardiistoj, interparolas, lacegaj pro la varmo.*

**SCENO Ia.**

**Jakobo, Juliano, Petro.**

JAKOBO

Mi sufokiĝas! La vesperkrepusko
Alportos baldaŭ fine malvarmeton
Feliĉe!

JULIANO.

Se la malamikoj venus,
Mi interŝanĝus kontraŭ ventumilo
Armajon mian!

PETRO.

Mi la pordŝlosilon
Al ili ĵetus, se nur ili volus
Permesi, ke mi banu en la puto!

JULIANO.

Kaj mi al ili la kastelon donus
Se ili donus al mi glacieron
Por enbuŝigi!

JAKOBO.

Dum varmegoj tiaj
Kuŝiĝis ĉiuj; kial, kirasitaj
Multpeze, ni ĉi tie staras?

PETRO.

Vintre
En la nebul', somere en varmego!
Kaj kiam oni fine pagos nin?

JAKOBO.

Pli ofte feron oni al ni donas,
Ol oron!

JULIANO.

Kial plendi, tamen? Se ni
Protestos, oni ree pri la fama
Trezor' parolos!

JAKOBO, *konfidencie.*

Jes... Sed nun mi volas
Konfidi al Ĵakas' la zorgon, tiun
Demandon ekzameni! Mi dezirus,
Ke, petolante, li dum iu manĝo
Parolu pri la netrovebla kofro.

JULIANO.

Ni tiel scios, kio estas vera
En tio!

JAKOBO.

Li ridante povus tion
Aludi; tuj mi alparolos lin.

PETRO.

Jes, oni mokas nin jam tro longtempe!

JAKOBO.

Sed kion por nin ĉiujn ar stataŭi
Vulkàn' atendas? Kiam la odoro
De l'vespermanĝo supreniĝas ĝis
Ĉi tie, ĉefo povas nur postuli,
Ke liaj militistoj venku sian
Malsaton kaj ataku sian supon!

JULIANO, *prenante botelon por trinki.*

Dum tia varmo mi dezirus esti
Senbraka, por ne esti devigata
Labori!

*Dum la momento, kiam Juliano proksimigas la botelon al siaj lipoj, Vulkano, kiu de minuto aŭskultis nevidate, ĝin rapide de li forkaptas.*

**SCENO IIa.**

**La samaj, Vulkano.**

VULKANO, *kiu dum sia parolo faros la priparolatajn gestojn, je la mirego de l'tri servistoj.*

Malbeninda sendankemo!
Se hom' senbraka estus, li ne trinki

Kapabius! Jes, vi diros eble, ke
Sen brakoj hundoj oportune trinkas!
Ne trinkas hundoj,stulta trio, ili
Trinkaĉas, sian akvon senatente
Englutas, kaj foriras! Vi ne konas
La arton esti sia propra, klera
Trinkaĵverŝisto! Antaŭ ol malkorki
Botelon, palpi ĝin, kaj malsekigi
Okulojn siajn antaŭ sia buŝo!
Komence trinki per glutetoj, tiel,
Halteti por deziri novajn glutojn,
Kaj fine — post templim', dum kiu oni
La sorton de Tantal' kompatis — lasi
Enflui la ondegon, dank'al klino
Rapida de l'botelo! Fluidaĵo
Ensorĉa! Ditrinkaĵo rubenhava!
Servistoj, ĉu, similaj al la bestoj,
Vi havas kropojn, ne palatojn? Fi!
Gustumas mi per buŝo,vi per ventro!
Postulas nepre tiel bona vin',
Ke ne malbone oni trinku ĝin!...
Post tiu instruad', nun vespermanĝu,
Kaj diru al Barok', ke mi ĉi tie
Atendas lin...

*Ĵetante al Juliano lian botelon.*

Reprenu la botelon!

JAKOBO, *ekvidante Barokon, kiu venas maldekstre, al Vulkano.*

Barok' jen estas.

*Ĉiuj tri foriras; Baroko eniras.*

**SCENO IIIa.**

**Vulkano, Baroko.**

VULKANO, *al Baroko, severe.*

Ruĝa kaj senspira!

BAROKO, *kiu ankoraŭ manĝas.*

Sinjor'...

VULKANO.

Kun buŝo plena! Sed vi ĉiam
Nur manĝas!

BAROKO.

Mia apetito estas
Tre bona...

VULKANO.

Sed ne ĉio estas bona!

BAROKO, *mirante.*

Ne ĉio?

VULKANO.

Certe, ĉar Ĵakas' ludante
Vin venkas! De monat', Solanĝ' ĉiun
Vesperon tie ĉi sidiĝas kaj
Laŭ sia plaĉo al la amuzistoj
Proponas temon pritrakt‧tan. Nu,
De tiam, ĉiutaga triumfanto
Ĵakaso estas! Ŝi sensencan temon
Prezentas? Li disertacias, kaj
Li plaĉas! Kion li hodiaŭ ree
Rakontos? kion ĉiuj kun okuloj
Malsekaj kaj kun buŝo malfermita
Aŭskultos? Kiam venos via vico,
Per ironia vort' li vipos vin!
Li almilitas la knabinon, la
Baronon, Oliveron... Kaj la tempo
Forflugas! Post ok tagoj, proksimume,
Solanĝ' elektos sian amuziston,
Narcison aŭ Ĵakason, sed ne vin!

BAROKO.

Sinjor', mi svenas, kiam mi pripensas,
Ke mi denove devos piediri
Por min prezenti en kasteloj!

VULKANO.

Tial,
Barok', hodiaŭ penu, provu esti
Pli elokventa, ol Ĵakaso estos!

BAROKO.

Mi provos!

VULKANO

Por sukcesi certe, venu
Kun mi, por trinki en la kelo dolĉan
Likvoron, kian vi neniam trinkis.
Sufiĉos du glasetoj por olei
Radetojn de elokventeco via!

*Li foriras.*

BAROKO, *sekvante lin.*

Ho, kial oni ne prepari povas
Improvizaĵon sian!

*Ili malaperas en la fundo, dekstre, sur la patrolvojeto. Ĵakaso kaj Narciso eniras maldekstre.*

**SCENO IVa.**

**Ĵakaso, Narciso.**

NARCISO.

Fine, jen
La horo, kiam oni spiri povos.

ĴAKASO, *admirante la sunsubiĝon.*

La sun' subiĝas... Kial — ĉar ĉi tiu
Vesper' similas la ceterajn — la
Ĉielo nun malsaman lumon sendas,
Kaj kial mia koro, ĝenerale
Ĝojanta, nun melankolion kaj
Solecon volas? Kial ĉio pli
Profunda estas kaj pli emocia,
Kaj kial, post plej bela tago, jen
Vesper' plej bela estas? Tial, ke
La sort' al amo min invitas, ke
Virin' eniris fine mian vivon!

NARCISO.

Renato, kio? ĉu vi...?

ĴAKASO

Jes, mi amas,
Kaj ne plu volas ludi mian rolon!
Mi ĵetas for malnoblajn miajn sentojn!
Ni ne daŭrigu plu, mi pagos la
Vetsumon! Ni malstreĉu nian reton
Por savi kompatindan la birdeton!
Ho, kiel bravaj estis ni, kaj kiel
Grandkora ago, inda je herooj,
Infanon kaj du maljunulojn trompi!
Riproĉas mia konscienco min;
Mi la konfidon de Solanĝ' perfidis!
Ĉu ŝi ne al Ĵakas' konfidenciis
Sekretojn, kiujn ŝi ne al Renato
Dirinta estus? Kaj Renato ilin
Nur konas, ĉar li ilin ŝtelis!

NARCISO.

Iom
Malfrua estas la skrupulo !

ĴAKASO.

Jes,
Sed mian kulpon volas mi kompensi.

NARCISO.

Kompensi ?

ĴAKASO.

Tien ĉi mi venis por
Petoli nur... kaj mi fariĝis saĝa
Ĉi tie ! Di' sur mian vojon metis
Rebekka'n !... Mi obeas Lian vokon ;
Gastigantino nia estos, se
Ŝi volos, la edzino mia !

NARCISO, *mirante.*

Vi
Kun ŝi edziĝus ?

ĴAKASO.

Kial ne ?

NARCISO, *embarasite.*

Pro tio,
Ke... ankaŭ mi ŝin amas !

ĴAKASO, *mem tre surprizite.*

Vi ŝin amas !

NARCISO.

Ĉu mi ne povis penti, kiel vi ?
Kaj ĉu vi scias, ke ŝi vin preferos ?
Ni venis ambaŭ ja kun samaj rajtoj
Kaj samaj ŝancoj : kial ni, kun cel'
Alia, ne daŭrigus nian veton ?

ĴAKASO.

La veto ne plu estas malhonoro,
Ĉar la vetajo estas ŝia koro !

NARCISO.

Jes, sed la tagon, kiam ni nin nomos,
Indignos la Baron' kaj eble nin
Forpeli volos !

*Oni aŭdas malproksime trumpsonadon.*

ĴAKASO,

Mi ne timas tion,
Mi ŝatas riskoplenajn bataladojn !
La kor' grandiĝas, kiam alta estas
La tasko !

*Solanĝo aperas ĉe la dekstra pordo ; ŝin sekvas ĉiuj personoj de la posta sceno.*

NARCISO.

Ni batalu !

ĴAKASO, *aparte.*

Di' min helpu
Por liberigi tiun Andromedon !

**SCENO Va.**

**La samaj, Olivero, la Barono, Solanĝo, Nikolo, Hilaro, Johaĉjo, Jakobo, Juliano, Petro,** *kaj iom poste* **Vulkano** *kaj* **Baroko.**

OLIVERO, *rigardante ĉu ĉiuj ĉeestas.*

La trumpo sonis, ĉu kunestas ĉiuj ?
Ĵakas' ? Narciso ? la servistoj ?...

*Li iras al la fundo kaj lokigas la benkon, sur kiu la servistoj sidiĝos.*

SOLANĜO.

Kiel
Agrable estas, post la taga varmo
Aeron malvarmetan spiri !

NARCISO.

Se,
Fraŭlino, ni sorĉistoj estus, vi ne
Suferus pro la troa somervarmo.

SOLANĜO.

Kaj kiel vi malvarmetigus la
Aeron ? .

NARCISO.

Fulmotondro mi fariĝus
Kaj mi la teron subakvigus !

ĴAKASO.

Mi
Per unu blov' estingus la sunfajron !

SOLANĜO.

Mi timus !

ĴAKASO.

Tuj mi sendus nubojn da
Hirundoj, kiuj vin ventumos per
Flugiloj siaj !

SOLANĜO.

Ho, mi dankas vin.

OLIVERO, *irante al la antaŭscenejo, solene.*

Nun ni malfermas la turniron.

*Li montras al ĉiu sian lokon.*

Jen
La loko de l'Reĝin' ; jen tiu de
La Reĝo ; jen aren' de l'kavaliroj ;
Jen, kie sidos Petro, Juliano,
Jakob', Nikolo, tuta la kortego !

*Dum oni sin lokas, Vulkano kaj Baroko alvenas tra la dekstra pordo.*

VULKANO, *al Baroko.*

Ĉu vi ne timas la batalon ?

BAROKO, *iom ekscitite de la likvoro, kiun Vulkano donis al li.*

Ne !
Ĉar fontojn de elokventeco, tiu
Mirinda vin' el mia cerb' ŝprucigos ;
Ĝi paroligus eĉ mutulon ; ĉiujn
Premiojn havos mi !

VULKANO, *iom maltrankvile.*

Ĉu vi ne tro...?

LA BARONO.

Barok', sidiĝu.

*Baroko kaj Vulkano sidiĝas.*

OLIVERO, *al Solanĝo.*

La fraŭlin' bonvolu,
Por povi juĝi la lertecon de
La amuzistoj, kiel ĉiutage,
Elekti temon pritraktotan.

SOLANĜO, *pripensante.*

Temon ?...

*Ŝi serĉas dum momento, rigardas ĉirkaŭ sin : poste, subite, montrante la florojn de l' glicinio sur la ŝtonarkaĵo.*

Mi tiun ĉi elektas nun : la vento
Movanta dolĉe jenan glicinion.

OLIVERO, *anoncante.*

La vento !

ĴAKASO.

Bela temo !

HILARO, *funebre.*

Malĝojiga..

BAROKO.

Neklara !

NIKOLO.

Mi ne trovus eĉ kvar vortojn
Pri tio !

OLIVERO.

Komenciĝas la turniro ;
Parolu vi, Hilar' !

HILARO,
*stariĝante, salutante, kaj tre malgaje serĉante.*

La vento...

*Li daŭrige serĉas.*

LA BARONO.

Nu !

HILARO,
*funebre, tremigante la tutan aŭdantaron.*

La vento estas akra kaŭz' de malespero ;
Demono estas ĝi, sendita de l'infero ;
Ŝancelas ĝi, terure kiel eble plej,
La krucojn, kiuj staras sur la mortintej',
Kaj la mortintoj time diras je l'vespero :
« Ho, kiel oni certe tremas nun sur tero ! »

LA BARONO, *tremante.*

Sufiĉas ! Tiu funebrulo nin
Eĉ dum varmego tute glaciigus !

HILARO, *malĝojeĝe.*

Mi ĝenerale estas gaja... Sed
De kelka temp' mi havas gravajn zorgojn
Pro monaferoj.

OLIVERO.

Ĉiutage vi
Parolas pri gajeco via, sed
Samtempe vi rakontas ankaŭ ion
Pri morto. Ni postulas amuziston
Por nin amuzi, ne por lin konsoli !
Malgajemul' ne devas amuzist'
Fariĝi !...

HILARO, *malĝojeĝe.*

Kio do ?

OLIVERO.

Trappisto !

*Oni mokas Hilaron, kiu ree sidiĝas.*

VULKANO, *al Baroko, mallaŭte.*

Nu,
Barok', preparu vian paroladon,
Rakonton gajan, amuzegan !

BAROKO

Ho,
Ĝi estas preta jam de longe !

LA BARONO.

Kiu
Parolas nun ?

OLIVERO.

Narciso.

LA BARONO, *al Narciso.*

Vi parolu
Do pri la hodiaŭa tem' : la vento.

*Narciso stariĝas kaj antaŭeniras ; li estas videble admirata de Nikolo, kiun interesas ĉiuj liaj gestoj.*

NARCISO.

Ho vent', mia eleganteco vin amas,
Ĉar vi per movetoj graciaj ornamas
La faldojn de mia mantelo,
La plumojn de mia ĉapelo !
Ho vent', mia eleganteco vin amas !

Ho vent', estas vi admirinda artisto !
Vi brodas, desegnas sur ŝtof' kaj batisto,
Rebrilojn de l'silko modifas
Kaj mian kolumon vi ĉifas.
Ho vent', estas vi admirinda artisto !

Ho vent, fantazi' vin volonte inspiras ;
Vi per nenialoj ludeti deziras ;
Per skarp' mia vi vin amuzas
Kaj kiel ludilon ĝin uzas.
Ho vent, fantazi' vin volonte inspiras !

Ho vento, de vi mi kuraĝon ricevas,
Ĉar mian plumfaskon ĉielen vi levas,
Kaj brave antaŭen mi kuras
Kaj la malamikon teruras.
Ho vento, de vi mi kuraĝon ricevas !

Ho vent', mia eleganteco vin amas !
Vin, plibeligantou, mi danke aklamas,
Ĉar proza ja estus vest' mia
Sen via blovet' poezia !
Ho vent', mia eleganteco vin amas !

*Narciso salutas la aŭskultintaron, kiu aprobe zumetas.*

LA BARONO.

Li improvizas bone !

OLIVERO.

Lia stilo
Tre bela estas

VULKANO, *mallaŭte, al Baroko.*

Ĉu ne timas vi,
Barok' ?

BAROKO.

Atendu, mi pli bone faros

SOLANĜO.

Ĝis nun Narciso estas laŭreato.

NIKOLO, *admirante.*

Mielo estas ĥaj vortoj!

SOLANĜO.

Kiu

Parolas nun?

OLIVERO.

Johaĉjo.

*Dum oni mokas la mallertan sintenadon de Johaĉjo, kiu stariĝas, Nikolo admiras Narcison, starante tre proksime al li.*

NIKOLO.

Kiel bela

Li estas!

LA BARONO.

Residiĝu vi, Nikolo.

Kaj vi, Johaĉjo, kap' sen cerbo, kion
Vi pri la vento diros aŭ balbutos?

JOHAĈJO, *stulte, provante esti sprita.*

Nescias mi, ĉu vento plibeligas homojn,
Sed scias mi, ke ofte vent'... faligas pomojn!

*La mokado rekomenciĝas, dum Johaĉjo, pli laŭte ol la ceteraj, ridas pri sia trovaĵo.*

OLIVERO.

Por ke vi ion spritan povu diri,
La vent', Johaĉjo, devus vin suflori!

VULKANO, *duonvoĉe, al Baroko, dum oni mokas ankoraŭ Johaĉjon.*

Preparu vin! De la unua vorto
Vi devas venki ĉiujn!

BAROKO, *frapante sian frunton.*

Timu ne!

Mi havas tiom da rakontoj tie,
Ke mi ne scias, kiun mi elektos.

VULKANO.

Nu, bone, ĉar Ĵakas' danĝera estas!

BAROKO, *iom ebria.*

Jakas'? Li ne ekzistas! El la vino
De tiuj kvar boteloj ĉerpis mi
Elokventecon de cent-mil Gaskonoj!

*Li antaŭeniras al la Barono.*

Kap' mia estas kiel elsputonta
Vulkan'! Ĉu mi parolas?

OLIVERO.

Ne, Ĵakaso.

ĴAKASO,

*antaŭeniras, dum lin salutas simpatia bruetado.*

La glicinion, dum vespera la silento,
Movetas preskaŭ nesentebla, milda vento...
Nu, pri la jena vent', antikva libr' atestas,
Ke ĝi l' animo de zefir' iama estas.
Vagante, revetante, ne havante celon,
Eniris la zefir' malnovan en kastelon,
Kaj tie li tuŝ-tis per la spir' infanon,
Knabinon deksesjaran, kiu ŝpinis lanon.
Okuloj ŝiaj estis bluaj, kiel lago
Tremanta, kiun sulketigis li dum vago.
Ĉar buklo falis iom, ŝi relokis ĝin...
Kun emocio la zefir' rigardis ŝin,
Dum per la brak', la mano kaj la fingroj, ŝi
La geston faris, ho, kun kia harmoni'!
Li, kiu ĉiam nur mensogis kaj petolis,
Kaj ne la amon, nur la amindumon volis,
Subite, je la vid' de tiu mov' gracia
De ŝiaj fingroj al hararo blonda ŝia,
Por esti ĉiam la servanto sin destinis
De l' deksesjarulino, kiu lanon ŝpinis.
Kaj la amanto nevidebla, de post tiam,
La amatinon ĉien akompanis, ĉiam.
Tuj kiam la zefiro ŝin malgaja vidis,
Ŝarĝite per birdkantoj li al ŝi rapidis;
La papiliojn, kiuj en kampar' flugetis
En ŝian ĉambron lia blov' subite jetis;
Ĉar li ne povis al ŝi porti ĉiujn florojn,
Almenaŭ prenis li iliajn bonodorojn,
Kaj tiel sendis li salvion, majoranon,
Al deksesjarulino, kiu ŝpinis lanon.
Por ĉiu malbonaj' li helprimedon trovis:
Dum nokt' glacia li varmige ŝin alblovis;
Dum tondro sin aŭdigis ĉe la horizonto,
Li malvarmeton ĉerpis ĉe l' plej alta monto;
Dum ŝi en iu libro legis, la zefiro
La paĝon ĝustatempe turnis per sopiro!
Dum dormis en la lit' la bela junulino,
Li levis la kurtenon dolĉa kun obstino,
Li sian spiron kaj la ŝian miksis ame
Kaj sur la buŝ' la amatinon kisis flame!...
Sed iun tagon en kastel' alvenis bela
Junul' afabla, riĉvestita kaj nobela,
Kaj bonvendiris lin kaj premis lian manon
La blonda junulino, kiu ŝpinis lanon.
Eleganteco lia kaj parolo viva
Tre baldaŭ plaĉis al la ĉarmulin' naiva;
Li post nelonge kiel edzon sin proponis
Kaj ringon de l' fianĉiniĝo al ŝi donis.
Ve! kion, kion povas fari la zefiroj,
Eĉ plej agrablodoraj, kontraŭ kavaliroj
Donantaj perlojn, ringojn al la amatin'?..
Sed la zefiro uragane jetis sin
Sur la kastelon: tage, nokte li bruegis,
Li fajfis, siblis; ĉiujn murojn li skuegis!
Kaj, kiam al preĝej' la gefianĉoj iris,
Li ĉie la petalojn el la rozoj ŝiris
Por neebligi, ke la bela juna paro
Florornamata estu de l' vilaĝanaro.
Eĉ provis la zefir', feliĉe sen sukceso,
Si kigi en kalik' la vinon de la meso,
Kaj blovis tra l' sonorilej' kun tia forto,
Ke sonis terurega sonorad' pri morto!

NIKOLO, *emociite.*

Kor' mia batas!

JAKOBO, *same.*

Li parolas emocie!

JULIANO.

Rakonto bela!

VULKANO, *malbonhumore.*

Mi jam aŭdis tion ie!

SOLANĜO, *kortuŝite.*

Kompatindul'! Ĉu li forgesis poste ŝin?

OLIVERO, *interesigite.*

Ĉu ŝia edzo... ?

LA BARONO, *same.*

Kia estas nun la fin' ?

ĴAKASO.

Nun flugis la zefiro trans la oceanojn
Kaj el la tuta mond' kunigis uraganojn !
Li ree, post du jaroj, je la lasta fojo,
Kun ili, ĉion frakasinte sur la vojo,
Alvenis fine ĉe l' kastelo.... Blovos li
Ĝin disen, kvazaŭ nur pajlero estus ĝi !..
Sed sur la kort' li en saliklulilo vidis
Infanon novnaskitan, kiu lin alridis...
Patrin' rigardis ĝin kun tiom da espero,
Ke li ne volis esti kaŭzo de sufero,
Kaj mortis li, lulante dolĉe ŝian filon
Kaj blovetante sur infanan muelilon ;
Li ĝoje sian vivon kaj malamon finis
Ĉe la pied' de l' panjo, kiu lanon ŝpinis.

*La ĉeestantaro entuziasme ovacias Ĵakason.*

LA BARONO.

Per Dio ! jen rakonto bela !

NIKOLO.

Ĝi
Finiĝas bone : ĉiuj estas ja
Feliĉaj !

VULKANO, *al Baroko.*

Ĉu vi faros tiel bone ?

JAKOBO, PETRO, JULIANO.

Ĵakaso vivu !

SOLANĜO.

Ĉu Ĵakaso estos
Venkanto de l' turniro ?

ĈIUJ.

Certe, jes !

SOLANĜO.

Nu, bone !

OLIVERO.

Sonu, trumpoj, je l' honor' de
Ĵakas' !

VULKANO, *intermetiĝante, kolere.*

He, kaj Barok' ? Atendu. li
Parolos, kaj vi miros kaj admiros !

*Li antaŭenpuŝas la faletantan Barokon.*

OLIVERO, *levante la ŝultrojn.*

Li ne rakontos ion tiel belan !

VULKANO.

Centoble pli, ĉar li rakonton diros,
Kun kiu vi ne provos la alian
Kompari, tiel admirindan, ke
Mi ploris, kiam li ĝin diris !

ĴAKASO.

Nu !

VULKANO, *al Baroko.*

Konfuzu ilin ĉiujn kaj rikoltu
La laŭron Apolonan !

BAROKO, *ebria, balbutante.*

Heŭ... heŭ...

VULKANO.

Li sin
Preparas !

NARCISO.

Kion li rakontos ?

VULKANO.

Vi
Silentu, li parolos !

BAROKO.

Heŭ...

ĴAKASO.

Aŭ blekos !

BAROKO, *pene.*

Ĵakaso embarasas min !... Ĉar mia
Rakonto estis...

ĴAKASO.

Estis ?

BAROKO.

La... la sama !

*Dum ĝenerala ridego skuas la ĉeestantaron, Vulkano malĝentile alparolas Barokon.*

VULKANO.

Drinkul' !

BAROKO, *stulte.*

Ĝi estis sukerita, kvazaŭ
Siropo : mi ne sentis, ke mi trinkas
Pli, ol sufiĉe !

*Montrante Ĵakason.*

Jes, li ŝtelis mian...

ĴAKASO.

Ha, vi deziras, ke anstataŭ vi
Mi diru la improvizaĵon vian,
Ĉar vi nun estas tro emociita
Por diri ĝin ? Nu, certe, kun plezuro !

*Sin turnante al la ĉeestantaro.*

Aŭskultu ĉiuj la rakonton pri
La vent', sinjoroj, kiun nia kara
Barok' por vi eltrovis. Li ĵus trinkis
Trinkaĵon sian ordinaran, akvon.
Subite malvarmeta vent' karesis
Vizaĝon lian ; li enspiris longe
La mildan venton... Sed... terure ! Kiam
Li volis poste sian vojon ree
Daŭrigi, li simila estis al
Ebria homo !

VULKANO, *aparte.*

Kion li intencas ?

BAROKO, *preskaŭ falante.*

Li diras, ke mi estis kvazaŭ...

ĴAKASO, *kaptante lin, por ke li ne falu.*

He !
Li estis tia, kia vi lin vidas.
Li kiel frenezul' parolis, li

Zigzage marŝis... Sed, sinjoroj, vi
Ja konas lin kaj scias, ke neniam
Li drinkas ! Li viktimo estis de
Okazintaĵo malfoftega ! Li
Ne sciis, ke la vento, kiun li
Enspiris, ebriigas kiel vino,
Ĉar ĝi el landoj venis, kie oni
Rikoltis la vinberojn ! Vento kaŭzis,
Ke estis la kompatindul' ebria,
Kaj li nur drinkis per la nazo sia !

*Ĉiuj mokas la konfuzitan Barokon. Oni stariĝas.*

VULKANO, *aparte, kolere.*

Per Di' ! Mi mem ĝibulon tiun venkos ;
Perforte mi altrudos la alian !

*Al Baroko.*

Stultulo, kion farus vi sen mi ?

BAROKO, *alkroĉiĝante al lt.*

Sen vi mi falus !

VULKANO.

Mia brak', feliĉe,
Defendos vin !

BAROKO.

Sufiĉas nun, ke ĝi
Min helpu por malsupreniri !

VULKANO, *fortirante lin, kolere.*

For !

BAROKO.

Sinjoro, ĉu ne restas plu botelo
De l' sama dolĉa vino en la kelo ?

*Li malaperas, fortrenite de Vulkano.*

**SCENO VIa.**

**La samaj**, *krom* **Vulkano** *kaj* **Baroko.**

JULIANO, *mallaŭte, al Jakobo.*

Nun diru... La moment' favora venis...

PETRO.

Tiretu lin per la mantel'...

JAKOBO, *kiu tiras Ĵakason per lia mantelo, ne rimarkate de la Barono, kiu en la fundo interparolas kun Solanĝo kaj Olivero.*

Sinjor'
Ĵakaso !

ĴAKASO, *turnante sin.*

Kio ?

JAKOBO, *konfidencie.*

Vi ja bone konas
La arton, al la Moŝt' paroli ; ĉu
Vi volus apud li defendi...

ĴAKASO.

Kiun ?

JAKOBO.

Aferon nian !

ĴAKASO.

Kiel ?

JULIANO.

Pli mallaŭte...

JAKOBO.

Pri mono, kiun oni pagos post
La trovo.

ĴAKASO, *scivole.*

Kies trovo ?

PETRO, *mistere.*

De trezoro !

JAKOBO, *same.*

Enterigita iam...

ĴAKASO, *pli kaj pli scivole.*

Kiel ?

JULIANO, *daŭrige duonvoĉe.*

Oni
Ne scias kiel...

PETRO, *same.*

...kaj ne scias kial. .

ĴAKASO.

Ĉu vi frenezas ?

JAKOBO, *same.*

Oni trompas nin,
Sinjor', mi timas.

ĴAKASO, *kiu nenion komprenas el tio.*

Venu tien ĉi.

*Li eliras dekstre kun la servistoj, Hilaro kaj Johaĉjo.*

LA BARONO, *forlasante Oliveron kaj Solanĝon.*

Mi reeniras, por pripensi ree
Rimedon por riĉigi nin.

*Li eliras dekstre. Nikolo, kiu de momento vagas ĉirkaŭ Narciso, proksimiĝas al li.*

NIKOLO.

Sinjor'
Narciso...

NARCISO, *turnante sin.*

Kio ?

NIKOLO, *afablege.*

Ĉu vi volas iom
Kun mi interparoli ?

NARCISO, *mirante.*

Jes, pri kio ?

NIKOLO, *rozkoloriĝante.*

Antaŭe vi akceptu tiun rozon...

NARCISO.

Mi dankas vin. Kaj kion...?

NIKOLO, *eksplodigante sian admiron.*

Kiel bela
Vi estas ! Kiel elegante vi
Vestita estas ! Ofte mi al vi
En kuirejo pensas, dum mi frotas
La kupron de la kaseroloj ! Kaj
Mi diras al mi mem, ke, se vi volus,
Ni povus geedziĝi !

NARCISO, *miregante.*

Kio ?

NIKOLO.

Jes,
Mi estos tre fidela, bona, ne
Ĵaluza...

NARCISO, *aparte.*

He!

NIKOLO.

Kaj kiam oni estos
Paginta tion, kion oni ŝuldas
Al mi, mi havos pli da mono, ol
Vi pensas!

NARCISO, *aparte.*

Mi forkuru! Ho, jen bela
Sukceso, ami la mastrinon kaj
Amata esti de la servistino!

NIKOLO, *etendante al li sian manon.*

Se vi akceptas, premu mian manon.

NARCISO.

Mi dankas vin, vi tre honoras min, sed
Mi restas fraŭl'!

*Li forkuras ridante.*

NIKOLO, *sola*

Li estas tro timema.
Sen dub' li ne kuraĝas, ĉar li ne
Laboron havas, kun laborantin'
Edziĝi. Sed okazos tio, kion
Virino volas!

*Ŝi ekkuras malantaŭ Narcison. Olivero kaj Solanĝo restas solaj sur la teraso. Solanĝo revante rigardadas la subiĝantan sunon.*

**SCENO VIIa.**

**Olivero, Solanĝo.**

OLIVERO, *aparte.*

La aermildeco
Konfesojn faciligas; volas mi
Konfesprenanto esti.

*Al Solanĝo subite eltirita el sia revo.*

Nu, Solanĝo,
Vi baldaŭ devos vian amuziston
Elekti, la definitivan. Kion
Vi pensas pri Narciso? Eleganta
Li estas...

SOLANĜO.

Eble tro... Merito lia
Lacigas fine. Kiam oni lin
Ekvidas, li alprenas sian pozon;
Li sin admiras mem! Li volas esti
Spektaklo, kaj al li sufiĉas tio;
Sed mi ne ŝatas tiom da ekstera
Belec': karaf' plej bela estas la
Plej travidebla, eĉ se la tenilo
Ne estas ornamita! Oni devas
Travidi la belecon de likvoro
Kaj senti la bonecon de la koro!

OLIVERO.

He, vi parolas bone!

*Aparte.*

Nun malgrandan
Kaptilon!

*Laŭte.*

Mi komprenas. Bedaŭrinde
Neniu estas komparebla, el
La amuzistoj, kun karafo jena?

*Aparte.*

Jen estas la vundet' de la kiraso.

SOLANĜO.

La sola estus... amuzist' Ĵakaso.

OLIVERO.

Ne eble!

*Afektante surprizon.*

Tamen jes! Se oni lin
Rektigus iomete, li...

SOLANĜO, *vivece, ame.*

Li estus
Perfekta!

OLIVERO, *aparte.*

Mi ne dubas plu.

SOLANĜO, *kun naiva entuziasmo.*

Ho, se
Vi scius! El ĝarden' de siaj pensoj
Li prenas por mi tutajn rozogarbojn!
Por ke mi vidu ilin sendanĝere,
Li, ĉe piedojn miajn, erojn de
La Univers' alportas! La unua,
Li metis iom da esper' en mian
Malgajan koron! Dank' al li, disiĝis
La muroj de malliberejo mia:
Li al okuloj miaj horizonton
Donacis!.. Kaj, dankeme, vibras mia
Spirit' kaj mia koro, kiel liaj!
Samtempe kiel li, emociiĝas
Kaj trankviliĝas mi: mi ridas, kiam
Li estas gaja; kiam estas li
Malgaja, mi aŭskultas lin kun ploro!
Ĉe li ĝojegas ĉiam mia koro!

OLIVERO.

Li vin plorigas?

SOLANĜO.

Liaj vortoj trafas
La fundon de l'animo, kaj plorigas.

OLIVERO.

Ha, stranga amuzist'!

SOLANĜO.

Se nur li estus
Nobela, iomete!

OLIVERO, *aparte.*

Kio morgaŭ
Okazos, kiam lia dors' rektiĝos!

*Laŭte.*

Do... la Reĝido Ĉarma, kiun vi
En viaj sonĝoj vidas, estas..

SOLANĜO.

Preskaŭ...
Ne tute... La Reĝido mia havas
Spiriton, spriton, geston, kiel li...

OLIVERO.

Sed li ne havas... la alian?

SOLANĜO.

Ne!...
Ĉu ĝibo estas sanigebla?

OLIVERO.

Ve,
Ĝis nun rimedon oni vane serĉis.

*Li ekvidas Ĵakason, kaŝitan malantaŭ kolono.*

Sed...

SOLANĜO, *vivece.*

Sed ?

OLIVERO.

Ĝibul', kelkfoje, antaŭ sia
Edziĝo — diras la ĝibologio —
La ĝibon perdas — jes ! — pro emocio !
Sed mi foriras nun...

*Li faras signon al Ĵakaso kaj foriras ; Solanĝo sidiĝas enpense sur la ŝtonan benkon. Noktiĝas iom post iom.*

**SCENO VIIIa.**

**Ĵakaso, Solanĝo.**

ĴAKASO, *kiu senbrue proksimiĝis.*

Ho, ne sopiru !
Vi malĝojigajn memoraĵojn ja
Ne havas ! Kion vi bedaŭri povas ?
Vi ne komencis eĉ vojaĝon vian !
Ignoras vi malamon kaj malveron :
Vi devas havi fidon kaj esperon !

SOLANĜO, *melankolie.*

Tremigos min malklara sento tima
En mia barko, sur la mar' senlima...

ĴAKASO, *kareseme.*

Se nuba estus la aŭkaj' ĉiela,
Je via ven' ĝi ree iĝus hela !
Kaj jam mi vidas la insulon ĉarman,
En kiu vi alvenos, malproksime
De l'bataladoj de la mond', tenante
En via mano manon ! Iru vi
Sentime tien, kien vent' vin sendos,
Ĉar vian barkon feliĉec' atendos !

*Pli proksime kaj pli kareseme.*

Alĥemiisto, kiu eliksiron
De l'perfekteco serĉus, devus koni
Antaŭe la sekreton de l'miksaĵo
De la donacoj, kiujn al vi faris
La Disinjoro. Kia malŝparemo !
Vi havas cion : homon tiel dolĉan,
Ke ĝin elparolante oni lernas
Rideti : estas tiel puraj viaj
Okuloj bluaj, ke, vidante ilin,
Verecon mem image oni vidas.
Ĉiela tia blu' en ili restis,
De kiam en ĉiel' seraf' vi estis.
Okuloj viaj restis grandaj, ĉar
Kutimis ili senlimaĵon vidi ;
Mi tion sentas, pripensante la
Grandiozaĵojn, kiuj tie ilin
Heligis, en la supernuba sfero :
Tro puraj ili estas por la tero !

SOLANĜO, *mirante kaj emociite.*

Ĵakaso...

ĴAKASO.

Vian koron tute novan
Mi, la unua, volas emocii ;
Mi volas, ke vi ne forgesu, ke
Ĵakaso, la unua, al vi diris :
« Vi estas bela... » Ho, infano, vi
Reaŭdos tiujn vortojn, de alia
Dirataj... Sed unuan emocion
De via kor' naiva, la unuan
Ektremon de vizaĝo via hela,
Solanĝo, malgraŭ la alia, kiu
Ĉi tien venos, tion ŝuldos vi
Al mi, la amuzist' Ĵakas', al mi !

SOLANĜO.

Vi diras : « La alia, kiu venos »... ?

ĴAKASO.

La atendato, la vi-mem, kun kiu
Poemon vi legados... kiam fine
Post tiom da amantoj kredos vi
La amon esti eltrovinta !

SOLANĜO, *tre emociite.*

Amon ?

ĴAKASO.

La amon, jes ! Spirito via eble miris,
Ĉar via buŝo jus neĉastan vorton diris ..
Ho, kial ? Ĉu la jena vorto ne konsolis
La teron, kiun la ĉiel' malbeni volis ?

SOLANĜO.

Ve, kio estas am' ?

ĴAKASO.

Poetoj, filozofoj,
Difini provas ĝin rezone kaj per strofoj !
Neniu ĝian bonon kaj malbonon diras !
Bonaj' ĝi estas, kiu koron dise ŝiras,
Aŭ malbonaj' terura, kiun oni benas,
Trinkaĵo, kiu estas dolĉa, sed venenas !
Ĝi estas fonto de malsano aŭ de forto :
Por tiu ĉi la vivo, kaj, por tiu, morto !
La antaŭjuĝojn de la homojn ĝi primokas :
La manoj tuj kuniĝas. kiam amo vokas !
Ho, ami estas trovi — kaj kun kia ĝojo ! —
La homon, kiun oni serĉis sur la vojo,
La homon ignoritan, tamen rekonatan,
Naskitan por vi sola, la animon fratan !
Timigi povas lin nek sanga batalado,
Nek ŝtona muro, nek fermita fera krado,
Kaj malgraŭ ĉio, malgraŭ ĉiuj, li alvenas...
Infan', ĉu vi komprenas min ?

SOLANĜO.

Mi vin komprenas.

*Ĵakaso prenis la floron, kiun Solanĝo en sia emocio lasis fali sur siajn genuojn, kaj daŭre ĝin bonodoron enspiras.*

*La kvara (lasta) akto aperos en la proksima numero.*

## NEKROLOGIO

Agema kaj amata ano de *Verda Stelo*, S-ro S. VAN EMDEN, mortis en Amsterdam Nian koran kondolencon al la funebranta familio !

— Kun granda malĝojo ni sciiĝis pri la morto de S-ro MAX HOROWITZ, la 27an de Januaro. S-ro HOROWITZ estis jam de longe fervora samideano, kaj la malapero de tiu simpatia amiko estas unuanime bedaŭrata, precipe de la Antverpenanoj, kiuj, ĉar la kara mortinto loĝadis en ilia urbo, plej bone lin konis. S-ro HOROWITZ estis tre bona esperantista poeto, kaj la partoprenintoj de la Oka Kongreso certe ne forgesis lian poemon titolitan *Saluto al Krakow*.

## LASTHORAJ NOVAĴOJ

### BELGUJO.

**ANTWERPEN.** — Dum sia lasta komitato kunveno, la grupo *Suda Lumo* decidis eldoni ĉiumonatan bultenon. La unua numero de tiu publikaĵo ĵus aperis ; ĝi estas vere bela, interesa revueto. Bonvenon al la *Bulteno de la esperantista grupo Suda Lumo* ! JAN.

**GENDBRUGGE.** — Sukcesplena propagandfesto okazis la 22an de Decembro en la *Snoekzaal*. Oni sin amuzis multe, kaj ridegis kiel veraj filoj de Van Artevelde ! BLAK.

**GENT.** — La lunda kurso finiĝis. 20 el la gelernantoj fariĝis anoj de la Grupo. Novaj kursoj baldaŭ rekomenciĝos, el kiuj unu speciala por la Ruĝa-Kruco.

La Grupo vendas kun granda sukceso diversajn esperantaĵojn : lernolibrojn (gramatikojn kaj vortarojn), ilustritajn poŝtkartojn pri Gent, batistajn poŝtuketojn, ĉiujspecajn juvelojn, glumarkojn kaj progagandilojn.

La Grupo faris grandan oferojn por sia biblioteko : ĝi aĉetis grandan aron da libroj. La lastinskribita volumo havas la n-ron 141. BLAK.

**KORTRIJK.** — La pasintan Dimanĉon mi iris al Kortrijk kaj sukcesis reenirigi en miaj vicojn S-ron VAN DE PUTTE, unu el la plej malnovaj belgaj esperantistoj, kiu antaŭ kelkaj jaroj instruis Esperanton en Wevelgem, apud Kortrijk, kie li estis instruisto. Li ĉesis sin okupi pri la propagando de Esperanto, kiam ekkomencis la senkuraĝiga agado de la reformemuloj ; sed nun, ĉar li konstatis, ke malgraŭ ĉio Esperanto ĉiam progresas, li estas konvinkita,ke neniam Ido povos malaperigi Esperanton,kaj li reeniras nian mondon. Li malfermis Esperantan kurson por 20 lernantoj. Tiuj lernantoj estas, plejparte, fervojaj oficistoj, kiujn varbis S-ro DEMEY, vagonara ĉefgardisto en Kortrijk, nova samideano, kiu tre fervore kaj sindoneme propagandas en sia urbo nian karan idealon. Espereble ni havos baldaŭ en Kortrijk novan ageman grupon. H. PETIAU.

**St-DENIJS-WESTREM** (apud Gent). — Je l' fino de Decembro, S-ro R. VERBEKE, agema ano de la Genta grupo, kiu nur de kelkaj semajnoj loĝas en St-Denijs-Westrem kaj kiu tuj faris tie taŭgan propagandon por mia lingvo, invitis S-ron SEBRUYNS kaj min por tie fari paroladojn pri Esperanto en la vilaĝdomo. La sukceso, kiu atendis nin, estis tute ne antaŭesperebla ! Ĉeestis la paroladan pli ol 50 personoj, inter kiuj du tieaj pastroj kaj la direktoro de la abatejo, kaj ankaŭ multaj influaj personoj. S-ro SEBRUYNS parolis flandre kaj havis plenan sukceson ; mi aldonis kelkajn vortojn france por konigi U. E. A. kaj ĝian celon ; mi parolis ankaŭ pri la *Belga Ligo*, al kiu aliĝis kelkaj ĉeestantoj. Post la parolado, S-ro VERBEKE anoncis, ke li tuj malfermos Esperantan kurson, kiun li nun gvidas por pli ol 30 personoj. Ni baldaŭ havos ankaŭ tie novan grupon dank' al S-ro VERBEKE. H. PETIAU.